# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto **10/08/2013 Cent dudek kvina eldono 10/08/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktisto Roger Springer** **Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 257 RETADRESOJ**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu. Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

### Informaj rakontetoj, Bona lingvo 5 minuta lertiga sperto

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Aliĝu

1 Aŭgusto 2013 **Lerni fremdan lingvon per interreto**



Lernado per interreto estas interesa progreso de la homaro. Ĝi faciligis, demokratiigis kaj malplikostigis instruadon kaj edukadon. Ĝi estas unu el la kampoj, en kiu informadiko estas plej utila. Sen eliro el la hejmo, eblas fari kursojn en preskaŭ ĉiuj fakoj en scienco, filozofio, arto, k.t.p., en ĉiuj niveloj. Sed probable instruado de lingvoj estas la kampo, en kiu neĉeesta lernado plej efike funkcias. (ktp mem aŭskultu/legu)

Ĉi tiu nova socia fenomeno rekte interesas nin, Esperantistojn. Ni estas movado por lingvo kaj ni estas diaspora popoleto. Ĉu eble alvenis la momento renovigi niajn metodojn por instruado de Esperanto? Ni transdonu la parolon al niaj Esperantoinstruistoj! (Malgranda eltiro el la bona reta parolata programo)

**Kara Roger**
**Mi ĉion ricevis kaj mi ege dankas vin. (AE124)**
**Mi kore salutas vin, el la germana malvarmega somero**
**Hermann Dankon el la Aŭstralia ne kutima varma vintro. Roger S**

Kara Roger !
Mi ĵus legis vian bonan "Aŭstraliaj Esperantistoj".
Mi gratulas vin pro via bona laboro !
Plej amike, Bob Felby



Kara Roger,
En AE 124 sur paĝo 4 vi skribis, Esperanto-Domo kunvenas ... sed vi forgesis aldoni kun kiu la domo kunvenas. Ĝi ja estas fiksita en sia loko, aŭ ĉu ĝi movas por renkonti aliajn domojn? Mi ŝatus vidi tion.
Saluton, Volo Ho Ve! Roger S.



Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

3a Aŭgusto: venis 4 Roger, Eŭnice, John, Ian

**Ĉu via grupo kunvenis?**
**Eĉ etan aktualan informon, mi enmetos en AE** Roger S.

# Propaganda sekcio










Ambaŭ estas propagandiloj

Kiam oni demandas pri Esperanto, vi nun havas taŭgan respondon.

La Manlia Informa/turisma

oficejo ĉe la varfo havas kelkajn ŝlosilojn por disdoni.

Margaret sendis “ŝlosilojn” al lernejoj proksime de ŝia hejma loko



# Propagandaj Frazoj

Esperanto estas la metra lingvo. Simile al la metra sistemo.

Komparu la lernadon de la brita sistemo kun la metra sistemo.

Ĉe ideala mondo, ĉiuj parolus la saman duan lingvon.



Unu dua lingvo. Unu mondo

Oni fieru pri la kapablo mem paroli fremdan lingvon. Same kiel pri la kapablo ludi muzikon, aŭ tajpi per 10 fingroj.

Anglparolantoj povus legi Esperanton post proksimume 3 monatoj (kun vortaro). Sed kapablo paroli similas al la kapablo ludi la pianon. Necesas multe ekzerci.

Ĉu vi kredas ke la lernado de la sama dua lingvo estus bona paŝo al pli bona mondo? Ĉu la Angla? Sed kiun duan lingvon la Angloparolantoj lernus? Ĉu estas lingva diskriminacio? Ĉu la anglaj landoj havas la plej bonajn lernejojn? Devus esti Esperanto. Kial? Ĉar ĝi funkcias kaj nur havas tre malmultajn denaskajn parolantojn kaj bezonas malpli da tempo por esti lernata.




Mi ricevis francan ŝlosilon dum mia vojaĝo.
Ĝi mezuras proksimume **3 cm** kaj havas **80 paĝojn**! Jen foto por kompari la grandecojn.
Amike, Nicole



Mia libreto havas 32 paĝojn kaj 11pt literojn.
Sed ambaŭ estas bonaj propagandiloj
Roger



# Jen la tria parto de la organizo de la radio Esperanto 3ZZZ radio Melburno

## GRAVA HELPO DE INTERNE





Ibraham: Nomo jam menciita. Li informis min pri la progreso de la studio kaj la loko kie estos radistudio kaj de kie estos unuaj voĉoj de Etnaj komununaj organizoj. Decido estis farita uzi parton de konstruaĵo de Sindikatoj. Unua afero jam estas farita : la nomo 3zzz etna komunuma radio. Frekvencoj venos poste, nun ni jam estas informitaj pri kunvenoj por ricevadi progresojn al la membroj, Nun informas Ibraham, spite al tio ke ankoraŭ ne estas akceptataj, la informo estas du komitatanoj ne konsentas akcepti plian membrigon inter etnanoj.

Tamen mi ricevadas datojn de kunvenoj, kiujn mi regule partoprenas. Ne ĉiuj nacianoj konas la aliajn, do ne sciante ne povas kontaŭstari mian ĉeeston inter ili. Foje oni demandas de kiu grupo mi estas kaj mi simple diras Esperanto. La kunvenoj estas tre oftaj kaj en diversaj lokoj, ĉu tage aŭ nokte. Oficialan inviton mi neniam ricevas sed nia amiko informas eĉ foje lastmomente, ke mi devas rapidi por atingi lastminute. Ju pli proksima al la tago despli oftaj estas la kunvenoj. Nun ili disdonas je komenco liston de tagordo, mi ne ricevas mi plendis, al la demando al kiu grupo vi apartenas mi respondis « Esperanto ». Je tiu momento komencis problemo. Vi ne havas rajton esti ĉi tie, vi ne reprezentas nacion. Mia respondo estas, ke nia grupo estas multnacia.

Mi ankaŭ diris ke Jugoslavio ne estas nacio sed tiu grupo estas ĉi-tie. Ibraham ekstaris, Irlandano diris tiu homo pravas li batalis por rajtoj de la lingvoj, ankaŭ ni batalas por nia lingvo.

Du personoj estas forte kontraŭ Esperanto. unu estas la judo kiu diris ke Zamenhof estas sciencisto kaj kontraŭ judismo. La alia estas Kubano kiu diras ke Esperanto estas Komunista. Ĉifoje mi surpriziĝis, mi neniam pensis ke eblas esti tiel akra kaj forta kontraŭ argumentoj. Je la fino de tiu kunveno, ĉiuj scias

pri Esperanto kaj gratulis min pro la malferma argumento kontraŭ tiuj personoj.
La tago proksimiĝadas por la oficiala malfermo de la 3zzz radio 92,3 FM Etna komunuma radiostacio, kaj estos celebro kun ĉampanjo, la anteno estas en monto Dandenong, kiu spertas malfacilaĵojn pro la distanco, kiu kovras radiuson de 100 kilometroj.
Venis dimanĉo 15an de junio 1989.
Mi estas hejme kiam anonco diras ke estas nova radiostacio. Komenciĝis kun ĉampanjo malfermo je la 3a horo posttagmeze. Kiam mi aŭdis tion mi ekkoleriĝis kaj tuj prenis aŭtomobilon, rapidis por atingi la malfermon. Kiam mi atingis la konstruaĵon mi kolere atakis la Direktoron ĉar li ne informis min pri la malfermo. Tie estas ankaŭ ĵurnalistoj kiuj vidas mian koleron. La Direktoro respondis ke mi ne estas membro ĉar mi ne pagis la membrecon, mi tuj serĉis Ibrahamon kaj atakis lin, li respondis : ne koleru via programo komenciĝos la 26an de Junio 1989.

Nun min trafas paniko, ni ne estas pretaj, kiel komenci. Mi persone scias nenion pri radio nek estas proksime de iu radiostacio. La studio estis en la keloj de sindikata konstruaĵo,ni ĉiuj nacianoj grupiĝadis ĉe la fenestreto de la studio kaj rigardas la italan programon. ĉiuj rigardas kun ekscito, ĉar preskaŭ neniu havas sperton fizikan pri la aparataro kaj kiel funkciigi ĝin, krom kelkaj kiuj jam estas ĉe aliaj radioj. La sekvan lundon 16an de Junio 1989 mi rezervis studion No2. kiu estas por prepari aŭ kontroli programon, mi petis direktoron ke iu montru al mi, li akompanis min en la studion kaj montris la panelon. Mi daŭrigos venontan semajnon.



Sur tiu foto en la Studio mi faris intervjuon kun Paŭlo de Sali, post lia veno de Ĉinujo, pri liaj spertoj dum lia restado instruante esperanton.
Svetislav Kanaĉki stevskank@hotmail.com










Mi nomiĝas Johano Lang. Mi estas Esperantisto, kiu loĝas en Townsville, kaj baldaŭ devas reiri al Ĉinio. Mia familio renkontis gravajn financajn problemojn pro tio, ke mia patro malsaniĝis. Mi ne volas plu priparoli tion.

Mi estas amatora kolektisto de malnovaj libroj kaj aliaj gravaĵoj, ne nur de mia denaska lingvo – la ĉina, sed ankaŭ de la angla, kaj Esperanto. Hodiaŭ mi volas prezenti al vi mian plej gravan trovaĵon el Esperantujo. Ĝi estas ĵurnalo de la jaro 1893 kaj estis tute skribita en Esperanto. Mi ne volas vendi ĝin, ĉar mi tute ne havis la tempon esplori ĝin (ĉar estas malfacile por mi legi malnovajn latinajn literojn) sed vendos ĝin por sufiĉa mono. Mi enmetis fotojn por via rigarda plaĉo, se vi deziras aĉeti ĝin, kontaktu min kiel eble plej baldaŭ.

Ĉar mi forflugos 22-an ĉi-monate.
jlang123@mail.com